XXVI-a jaro. — N° 358 (6). Monata Junio 1930.

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**Fondinto : H. HODLER. Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. Direktoro de UEA : Hans JAKOB.**
ADRESO DE LA REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.



## Propagando per Instruado

Nia kutimo kaj principo ĉiam estas konsideri Esperanton kiel vivantan lingvon, ne kiel teorian proponon. Laŭ tiu ideo Hodler fondis UEA por faciligi ĝian uzon sur bazo de praktika idealismo kaj interhoma servado. Laŭ tiu sama ideo S-ro Andreo Ĉe propagandas Esperanton en nordaj landoj, kies lingvojn li ne konas.

Lia metodo konsistas je kursoj de vivanta lingvo en vivanta lingvo kaj ili gajnis grandan sukceson. En Svedujo, kie li daŭre instruadis dum lasta vintro, ekzistas nun forta movado esperantista kaj oni venigis plurajn eksterlandajn paroladistojn por kutimigi la lernintojn je utila aŭdado de la lingvo.

En Nederlando, kie li nun laboras, granda intereso vekiĝis en edukistaj rondoj. Tio estas grava punkto. Ni ja spertis kiom malfacile estas, ne nur sukcesi je registara decido pri Esperanto en lernejoj, sed poste ĝin apliki daŭre, se la instruistaro ne estas fervore ligata al nia afero.

Kio okazis en Svedujo kaj Nederlando, tio ankaŭ estus ebla kaj eĉ necesa en multaj aliaj landoj. Ne ĉiuj posedas nacian societon aŭ privatajn personojn sufiĉe riĉajn por organizi tian « instruan jaron ». Malgraŭ la plej admirinda sindono de instruantoj kiel S-ro Ĉe, tiuj entreprenoj postulas iom da rimedoj.

Ŝajnas, ke la solvo por tio estus ia duopa klopodo ĉiujara. Unuflanke nacia Esperantista movado devus pretiĝi kaj ŝpari por ebligi tian « militjaron » ĉe si laŭ vico. Aliflanke nia internacia movado devus kunhelpi je duono.

La devizo « Unu por ĉiuj kaj ĉiuj por unu » trovus tie tre ĝustan aplikon. Estas la intereso de ĉiuj naciaj kaj sekve de la internacia movado, ke tiu propagando per instruado fortigu la kampojn, unu post alia, kaj preparu la vojon al « reciproka » ebleco de enkonduko en lernejoj.

Siatempe en 1907 la subskribinto faris similan instruvojaĝon tra Usono kaj jam revis pri Internacia Instituto de Esperanto, kiu organizus tiajn pionirkursojn de lando al lando. Eĉ la Kvara kongreso en Dresden aprobis la planon. El ĝia programo realiĝis almenaŭ du aferoj : La internaciaj ekzamenoj starigitaj de la Instituto kaj la Someraj Universitatoj de niaj kongresoj, kies organizon nun prizorgas ICK.

Post la kreskanta intereso al la ĈE-kursoj venas la momento vigligi tiun tutan programon. Ĝi ne nur gravas por la disvastigo de nia lingvo, sed ankaŭ por la unueco de ĝia elparolo kaj la taŭga pretigo de ĝiaj instruantoj.

De ĉie venas instigoj kaj ni ĝojus se S-ro Ĉe povus ricevi regulan subtenon kaj povus repreni la Internacian Instituton de Esperanto kun la celo aranĝi tutmonde rektmetodajn kursojn de Esperanto, prepari instruantojn, organizi rondvojaĝojn de prelegistoj k. t. p.

Sur paĝo 10 de tiu ĉi gazeto niaj legantoj trovos informojn pri speciala kurso organizita kun la helpo (kaj senpaga gastigado) de la urbo Arnhem en Nederlando dum la du semajnoj antaŭ la kongreso en Oxford. Ni deziras plenan sukceson al tiu entrepreno, kiu realigas unu el niaj plej ŝatataj esperoj. En la nuna momento, nenio povas pli akceli nian aferon ol pretigi kompetentajn apostol-instruantojn, kapablajn multobligi en ceteraj lokoj la saman agadon ĉefe inter la edukistaj rondoj.

El tiu metodo kaj laŭviva almilitado de unu lando post alia ni povas atendi gravan antaŭpuŝon de Esperanto, se ĉiuj abrobantoj helpos kaj se la plenumantoj kunlaboros kun la esperantistaj organizoj por kulturi la semojn ĵetitajn sur novajn kampojn.

Edmond Privat.

# OKCIDENTO KAJ ORIENTO

## Antaŭjuĝoj kaj klasika kulturo

Antaŭjuĝoj de l'Okcidento rilate al Oriento estas preskaŭ nekredeblaj. Pri tio ne kulpas la okcidenta publiko, sed ĝia gazetaro, kiu enpresas aŭ tute nenion aŭ plej ofte sensencaĵojn pri Azio.

Siaflanke ne estas tro kulpaj la malfeliĉaj ĵurnalistoj mem, sed la lernejoj. En okcidentaj gimnazioj la gejunuloj lernas ĉion detale pri civilizo, historio, religio kaj moroj de l'antikvaj Romanoj kaj Grekoj. Eĉ iliajn lingvojn ili lernas, almenaŭ en klasikaj sekcioj, sed pri civilizo de la Hindoj aŭ Ĉinoj ili nenion aŭdas kaj sekve nenion scias.

Nu, lernado de latina kaj greka lingvo estas bela kaj bona afero en si mem. Sed la celo estas iom egoista. Kiel ? Ekzamenu ĝin mem.

Ĉu la instruado de klasikaj lingvoj en Eŭropo celas helpi la junularon ekkoni kaj kompreni la popolojn italan kaj grekan de la moderna tempo ? Certe ne. Por tio oni lernus antaŭ ĉio iliajn nunajn lingvojn, ne la antikvajn.

Ne. La celo estas pli profunde kompreni nian propran historion kaj pli funde koni nian propran modernan lingvon, kiu tiom ŝuldas al la du klasikaj. Jen la ĉefa celo. Nediskuteble, ĝi estas, se ne mallaŭdinde egoista, almenaŭ konstateble mem-centra.

Lernado pli alicentra aŭ pli altruista, se vi preferas tiun ĉi vorton, tio estas la studo de fremdaj lingvoj, per kiuj ni enpenetras la civilizon de najbaraj popoloj.

Sed kompreneble la praktikaj kondiĉoj de nia vivo kaj antaŭ ĉio la komerca kaj teknika neceso devigas okcidentanojn lerni antaŭ ĉio la ĉefajn lingvojn de okcidento, ĉar ili staras tiom dividite. Kono de angla, franca, germana, hispana lingvo estas postulata de juna Eŭropano, kiu volas iom vaste labori kaj vojaĝi, pense aŭ korpe, en sia propra okcidenta mondo.

Tial restas neniom da tempo libera por akiri orientan lingvon, ĉu araban por kompreni la islaman mondon, ĉu *Hindi*, ĉu la japanan, ĉu la ĉinan por iom ekkoni Azion.

Tute alia ĝi fariĝus, se Esperanto jam estus ĉie deviga kaj sufiĉus al ĉiutagaj bezonoj de la internacia vivo. Tiam ekzistus libereco en elekto, ekster ĉiu influo pro komerco aŭ neceso.

En mondo faciligata per Esperanto, kiu cetere postulas tre malmultajn horojn en lerneja programo, la homoj starus pli egale unu al aliaj. Nun la Orientanoj lernas niajn lingvojn, sed ni ne scias iliajn. El tio devenas multaj ofendoj kaj malkomprenoj.

Eĉ inter klasikaj lingvoj oni povus, jam sen Esperanto, elekti iom alie ol nun. Orientano, kiu studas latinan lingvon certe lernas multon pri Okcidenta civilizo, pri ĝia milita kaj jura bazo. Eŭropaj junuloj simile gajnus multon, se ili lernus la sanskritan lingvon kiel ĉefan klasikan.

Ne nur ili studus eĉ pli bone la prahistorion de siaj propraj lingvoj, sed ili malfermus al si mondon, ne mortintan, sed ankoraŭ ĉiam vivantan, de l'aziaj civilizoj kaj pensmanieroj.

Eŭropo moderna forlasis multon el la roma kaj greka civilizo, sed Hindujo konservas ankoraŭ plene tiun civilizon, kiun konigas sanskrita literaturo. La oficiala religio de Okcidento ŝuldas multon al neokcidenta lingvo, la hebrea. Dume en Azio, ne nur hinduismo, sed ankaŭ buddhismo en Ĉinujo kaj Japanujo ŝuldas sian devenon kaj klarigon al Hindujo.

La studo de sanskrita lingvo havus do por Eŭropanoj efikon duoblan, samtempe klasikan-historian kaj modernan interkomprenan.

Sed la faktoj ĝis nun ne gvidis nin tien kaj la nekredebla diferenco restas akra inter Oriento, aŭdanta multe pri Okcidento, kaj Okcidento scianta kvazaŭ nenion pri Oriento.

Nur pensu minuton pri ĉiuj okazoj, kiujn havas Orientanoj por aŭdi pri aferoj en Eŭropo kaj Ameriko : la depeŝoj pri okcidenta politiko, la reklamoj pri okcidenta komerco, la verkoj pri okcidenta tekniko, la misioj pri okcidenta religio.

Reciproke ĉu vi povas citi eĉ ion ajn kompareblan ? Rezultato estas ekzemple, ke la Orientanoj nun scias tre bone kion instruis Kristo kaj same bone vidas, ke nek Eŭropo, nek Ameriko aplikas tion en sia vivo, plena je militoj, sociaj kontrastoj, klasbataloj k.t.p.

Se Okcidentanoj scius pri tio, kion kredas kaj emas Oriento, povas esti, ke ankaŭ ili trovus ian diferencon inter vortoj kaj agoj, sed almenaŭ ili konus la bazon, sur kiu ambaŭ civilizoj povu renkontiĝi kaj amikiĝi.

Atendante la tagon, kiam interŝanĝo estos tute natura kaj kompleta, ni ĝin tuj komencu per uzo de Esperanto trans limoj de kontinento. Memorante la vivcelon de Zamenhof, kiu deziris trovigi al homoj unuigan etikan bazon, ni daŭrigos presigi ĉion utilan, kiu forigu antaŭjuĝojn kaj erarkomprenojn.

---

## KION SIGNIFAS «NIRVANA»

Inter la plej disvastigitaj erarkomprenoj de Okcidento pri Oriento estas certe menciinda la neĝusta signifo pruntata al vorto « nirvana » kaj al la ideo, kiun ĝi reprezentas.

Oni ĝin tradukas volonte per « neniiĝo » kaj imagas volonte, ke la orientaj popoloj estas edukataj al celo komplete negativa. Ĉar hinduistaj kaj buddhistaj popoloj formas la pli grandan parton de homaro kaj entenas do multe pli da milionoj da estaĵoj ol la kristanaj nacioj, estus ja stranga fenomeno, se ilia civilizo nur celus atingi *nenion* kvazaŭ plej grandan feliĉon por individuoj.

Fakte estas ja tute alie. La vorto en palia lingvo devenas de la verbo « blovi » kvazaŭ oni parolus pri flamo. Necesas memori en kia medio kaj tempo ĝin uzis Gotama en Hindujo, post kiam li fariĝis Buddha kaj instruis homojn al saĝo dum la kvina centjaro antaŭ Jezuo Kristo.

Fundamento de hinda filozofio estis tiam kaj restas ankoraŭ nun vasta panteismo. Unu ĉionentenanta spirito kreas materion kaj animojn, homajn kaj bestajn. Ĝi enestas en vi, en mi, en ĝi, en ĉio. Ĉar la kreinto aŭ kreanto estas nekomprenebla kaj neatingebla, fakte la plej senteblaj eroj de ĝi estas ĝuste via, mia kaj ĉies animoj, kies sumo estas Ĝi. Unu vasta animo dispecigita en sennombraj eroj, homoj, bestoj, eĉ dioj, jen kiel hindaj filozofoj prezentis jam al si la unu centran, identan kaj eternan « nekonatan forton » prikantitan de D-ro Zamenhof en sia fama « Preĝo sub la Verda Standardo ».

Rezultato estas, ke vi kaj mi estas unu sama. Se mi suferigas vin, mi suferigas min mem. Se mi kruelas al besto, mi

kruelas al mi mem. En ambaŭ okazoj mi dolorigas al Ĝi (aŭ Li aŭ Ŝi) kiu entenas nin ĉiujn.

Kristanoj konas similan ideon en la rakonto pri la finjuĝo : « Mi malsatis kaj vi ne donis al mi manĝon, mi soifis kaj vi ne donis trinkon, mi estis fremda kaj vi ne gastigis min, mi estis nuda kaj vi ne vestis min, mi estis malsana kaj mallibera kaj vi ne vizitis min... Kiam vi ne faris tion al iu ajn el la plej malgrandaj homoj-fratoj, tiam vi ne faris ĝin al mi mem ».

Laŭ Buddha, la plej granda eraro kaj iluzio de la homoj estis kredi je sia aparta individueco kaj eĉ deziri ĝin eternigi post morto kiel apartan. La Hindoj ja kredas je transmigrado de l'animoj en sinsekvajn vivojn. La naskiĝo de aparta individuo ja sekvigas aŭtomate lian suferadon, maljuniĝon kaj morton. Liaj personaj deziroj kaj posedemo kaŭzas novan naskiĝon kaj novan serion de samaj doloroj.

Buddha celis instrui al homoj kiel haltigi la tutan turmentadon. Tion sukcesas ĉiu, kiu penas kaj atingas « *nirvana* », tio estas « forblovo » aŭ estingo de la « brulanta fajro de posedemo, malamo kaj nescio ».

Tiu liberiĝo apartenas do al ĉiu, kiu rezignas je apartaj deziroj de posedo por si mem, do al ĉiu, kiu tranĉas la fadenon de sia individua egoista vivo, bazita sur iluzio kaj malamo, kaj realigas sian plenan identecon kun la ceteraj vivantoj, dezirante por ili ĉion bonan, kvazaŭ li estus nur parto de ili.

Tian sintenon la naturo montras al ni ĉe patrino, kiu entute sin donas al idoj kaj ĉion oferas al ilia bonfarto, sentante la fizikan identecon kun ili.

La saman sintenon vi trovus ĉe komplete solidareca homo sinforgesema kaj sindonema al la kolektivo sen ia ajn penso pri si mem aparte de la ceteraj.

Tiam estas atingita, jam en tiu-ĉi vivo, la feliĉa stato de « nirvana », kiu tute ne estas neniiĝo, sed kontraŭe plena realiĝo de homo, liberiĝinta je ĉiu timo pri morto kaj fariĝinta homarano aŭ homarero.

Havante pli ĝustan ideon pri la signifo de « nirvana », la Okcidentanoj perdus kaŭzon miri pri tio, ke la tuta morala instruado de Buddha baziĝas sur tiu konstato, ke « ne malamo, sed amo, ĉesigas malamon, ne malvero, sed vero, ĉesigas malveron. »

Lia okbranĉa « vojo » entenas : purajn aŭ pravajn kredon, volon, parolon, agon, vivgajnon, aplikon, memoron kaj pripensadon. Li rekomendis al ĉiu kreskigi en si ĉiam pli radiantan bonvolon al ĉiuj homoj kaj bestoj. Studo de palitekstoj pri lia instruo frapas per tio, ke temas ĉefe pri trovo de saĝo kaj etiko. Metafizikaj problemoj pri Dio, kreado, ktp. ne estas tuŝataj.

Ĉiuokaze D-ro Zamenhof estis tute prava, kiam li kredis, ke estus eble trovi komunan etikan fundamenton inter homoj, eĉ spite iliaj diversaj kredoj metafizikaj (kiujn li respektis kaj ne proponis forlasi). Inter Okcidento kaj Oriento ne staras barilo pro diverseco de etika idealo, sed pro neapliko de ĝi, kio estas tute alia afero.

Edm. P.

*Alproksimiĝas la kongreso . . . . .*

*en OXFORD*

*kaj ankoraŭ via nomo ne estas en la listo de la kongresanoj. Rapidu kaj sendu vian kotizon, antaŭ*

*la de Julio 1930*

*kaj ŝparu la plialtigon de 20 al 30 ŝilingoj.*

*Kongresa sekretariejo: 142, High Holborn, London W. C. 1.*

 **SOCIA VIVO** 

# FRIDJOF NANSEN

13. V. 1930.

*Nobla estu la homo, helpema kaj bona.*

Nansen, esploristo, scienculo, ŝtatisto kaj filantropo estis sendube unu el la plej rimarkindaj figuroj de la moderna norvega vivo. Naskiĝinta 1861 en tiama Kristiania, la nuna Oslo, li 21-jaraĝa jam partoprenis ekspedicion al Grenlando sur velŝipo « Viking ». Li studis zoologion kaj laboris en la zoologia stacio de Napolo. Sed lia plej ŝatata kampo estis la esploro de l'nordo, la trovo de la norda pasvojo kaj la tiom dezirata atingo de la norda poluso. 1887 li komencis prepari la ekspedicion kiu devis lin igi fama en la mondo de la esploristoj. Dum Majo 1888, do antaŭ 42 jaroj komencis la granda veturo al Grenlando por esplori la internon. Ĉe tiu ĉi esplorvojaĝo partoprenis ankaŭ Sverdrup. Riĉa estis la rezultoj kolektitaj kaj post reveno Nansen fariĝis kuratoro de la Zoologia Muzeo en Kristiania.



*(Kliŝo laŭ desegnaĵo de O. Lázár)*

En la jaro 1890 li submetis planon de Polusa ekspedicio al la Norvega Geografia Societo kaj du jarojn poste al la Reĝa Geografia Societo en Londono. La norvega parlamento konsentis subteni la planon konkrete, nome per 2/3 de la kostoj : la alia triono estis trovita el privataj rimedoj. Ja multaj memoras la nomon « Fram », la ŝipo speciale konstruita por tiu vojaĝo. Je la 24a de Junio 1893, « Fram » forlasis Kristiania sub la konduko de Sverdrup. La plano de Nansen estis, movigi la ŝipon per la glacio en la polusan regionon. La plano sukcesis. Je la 14a de Marto 1895 Nansen forlasis la ŝipon kun unu akompananto kaj marŝis piede sur la polusa glacio al nordo. Li atingis 86° 14', la plej alta norda latitudo ĝis tiam atingita de homoj. Reirante, la du migrantoj venis al tiama Franz-Josef-Lando, kie ili

travintris. Postan someron (1896) angla ŝipo de la ekspedicio Jackson-Harmsworth akceptis lin proksime de Spitsbergen (Svalbard) kaj je la 13a de Aŭgusto ili alvenis al Vardö, norvega haveno. Unu semajnon poste « Fram » atingis bonstate la hejman havenon.

Nansen fariĝis plej populara viro. En la jaro 1900 li partoprenis ĉe oceanografia ekspedicio en la polusan regionon kaj akceptis tiam la gvidon de la Internacia Instituto por Mara esploro en Kristiania. 1905 Nansen eniris politikan vivon. Li estis kontraŭulo de la unio kun Svedlando kaj li partoprenis aktive al la fina disiĝo paca de tiuj du ŝtatoj, ligitaj en la persono de la reĝo. La sendependa norvega ŝtato lin sendis kiel ambasadoron al la brita ĉefurbo, kiun li forlasis post du jaroj. De tiam li sin dediĉis al sciencaj laboroj pri oceanografio kaj entreprenis sinsekve vojaĝon al nordatlantaj regionoj, 1912 esplorvojaĝon al Spitsbergen, 1913 tra la Norda Glacia Maro ĝis la enfluo de Jenisej kaj la regionon de l'Amuro, 1914 al Portugalujo, Madeiro kaj Acoroj. La milito finigis tiujn sciencajn vojaĝojn.

Kiam, dum la milito, la malgrandaj kaj ne militantaj ŝtatoj devis klopodi pri la ricevo de nutrajoj el Ameriko, registara komisiono norvega iris al Usono sub lia gvido. Li sukcesis tiam fari interkonsenton pri la senmalhelpa provizodo de Norvegujo per nutraĵoj kaj krudmaterialoj.

Ni vidas Nansen poste aktive partopreni la humanajn klopodojn de la Ligo de Nacioj. Tie li montris sin kontraŭa al burokrata kaj indiferenta konsidero de situacioj kaj, dank'al lia iniciato, efektiviĝis pluraj grandaj laboroj de la Ligo de Nacioj. La L.d.N. sendis lin kiel komisarion al Siberio por organizi la hejmtransporton de ĉirkaŭ 500.000 militkaptitoj. Kun la nuna prezidanto usona, Hoover, li organizis la gigantan helpon al malsatanta Ruslando.

La fama ARA (American Relief Association) laŭ la dummilita « Belgian Relief Commission » jam naskiĝis en la ideo de Nansen, sed pro la politika situacio (civila milito) la plano efektiviĝis nur du jarojn poste. Konferenco en Ĝenevo, ĉe kiu partoprenis senditoj de dekdu registaroj kaj 48 Naciaj Societoj de l'Ruĝa Kruco, transdonis al li la gvidon de la granda helpo al Ruslando, kiu devis gravuri lian nomon orlitere en la historion.

Je la 27a de Aŭgusto 1921 li povis interkonsenti kun Ĉiĉerin pri la regularo de tiu helpverko. Tuj poste ni vidis lin viziti la malsat-regionojn. Lia homama ideo, ke internacia prunto, garantiita de la L.d.N., havigu la necesajn rimedojn, malsukcesis. Ne malesperinte kaj ne cedinte, Nansen entreprenis vojaĝon al ĉiuj eŭropaj ĉefurboj kaj sukcesis tamen, ke per la ruĝkruca organizaĵo 1,5 milionoj da loĝantoj de Suda Ukraino kaj de la Volgo estis savitaj kaj daŭre helpitaj.

Liaj propagandaj klopodoj faris grandan impreson en Ameriko, kio influis la trovon de la rimedoj, kiujn Hoover bezonis por savi dek milionojn da malsatuloj.

Vizitantoj de la kunvenoj de la L.d.N. en Ĝenevo ne facile forgesos tiun distingan figuron. Ĉie, kie necesis sentima parolo por nobla humana celo, Nansen estis. Kaj necesis tia libera parolo en tiu kunveno de diplomatoj. Ne forgesinda estu lia kuraĝa pledo por helpo al Ruslando en kunveno de reprezentantoj de la nuna soci-ordo, kontraŭa instinkte al la sovjeta ŝtato.

Sed, ne nur por Ruslando li pledis. La Armenoj trovis en li varman amikon. Neagrable sonis al la oreloj de la potenculoj de nuna mondo la averta voĉo de Nansen. Altkreska, fleksebla, vera bildo de l'romantika Fritjof, li parolis al la eŭropa, ne, al la tutmonda konscio. La anglan lingvon li uzis kun forta marista akcento. Estis sensacio en Ĝenevo, kiam Nansen parolis pri grava problemo, ne facile akceptebla de la kunveno. Lia specialeco restis la aferoj pri helpo al suferintoj do al la rifuĝintoj. Inter tiu estis ankaŭ la rehejmigo de la grekoj el Malgrand-Azio. Kaj li ne timis eldiri kritikon precipe pri nebonaj kondiĉoj en la Mandatteritorioj. La universalecon de la Ligo de Nacioj li ege defendis kaj frue klopodis pri eniro de la Germana Respubliko. La rekono de liaj neegoistaj penadoj estis la aljuĝo antaŭ sep jaroj, de la Nobela pacpremio.

Al la alta Nordo li restis fidela kaj studis la vojaĝon per Zeppelina ŝipo. Jam certaj preparoj komenciĝis kiam nun la morto finis tiun riĉan vivon. Apud Amundsen li estis plej fama esploristo norvega ; la mondo perdis veran homaranon.

G. Agricola.

---

# Homo kaj homarano

*Memoraĵo de Edmond Privat.*

Nansen restos en historio kiel Livingstone. Sendube li estis granda esploristo. Sed antaŭ ĉio li estis homo en la plej nobla senco de la vorto. Venos tempo kiam la infanoj lernos pli ami la heroojn de l'paco ol tiujn de l'milito. Kial ne tuj ?

Ĉu mankas sur tiu kampo la figuroj legendaj ? Jen unu. Tiun grandan marulon kun bonkoraj bluaj okuloj, kviete helaj inter blondaj brovoj kaj blankaj lipharoj, kiu ne vidis lin en ia gazetilustraĵo, eble kun la fela ĉapo kaj disdonantan farunsakojn en malsata vilaĝo ?

La Ĝenevanoj ja rigardis lin pli ol unufoje en plena realeco sur kajo Wilson, ekzemple elirantan indigne el ia kunveno de singardemaj diplomatoj, ŝovantan furioze sur kapon sian grizan ĉapelegon kaj mendantan per tondra voĉo velŝipon por flugvagi sur lago kun sia fidela amiko Lord Cecil, ankaŭ seniluziigata, sed ĉiam persistema.

Ankaŭ Nansen persistadis siamaniere kaj eĉ obstine. De kunveno al kunveno, de vojaĝo al vojaĝo, li iradis kaj, por malsatuloj, ekzilitoj aŭ subpremitoj li pledadis ĉe registaroj kaj popoloj. La anglan lingvon li parolis kiel urso blanka : ŝajnis kvazaŭ li bojas la veraĵojn, ofte malmildajn. Ĉio de li estis rekta, brava, malkaŝa.

Kiam li sukcesis voĉdonigi la necesajn kreditojn por helpa servo, li saltis en la unuan vagonaron aŭ aeroplanon kaj reiris al agado, esploris surloke, organizis, gvidis homojn.

Tia cerbo kaj tia koro en alia centjaro estus eble farintaj generalon aŭ nacian heroon. En nia tempo li estis unu el la pioniraj militantoj de l'paco. Efektive ne nur la malsataj Rusoj aŭ grekaj rifuĝintoj aŭ persekutataj Armenoj vidis lin alveni kiel helpema granda frato, komisario de la Ligo de nacioj, kiam li sukcesis ĝin konvinki, aŭ komisario por si mem kiam ĝi rifuzis.

Ne. Ankaŭ la rajto de l'malgrandaj ŝtatoj, la naciaj malplimultoj ĉiam forgesitaj, venkita Germanujo, kiun oni hezitis bonvenigi, senarmigo konstante prokrastata de jaro al jaro, ĉiuj similaj aferoj de justeco trovis en li kavaliron sentiman kaj senriproĉan.

Li volis veran pacon. Li havis la ĝustan senton pri homeco kaj homaraneco : la agema simpatio kaj

la unufamilieco de ĉiuj nacioj. En la Ĝenevaj kunsidoj li estis unu, el malmultaj homoj, kiu montriĝis vera civitano de l'mondo, vera homarano.

Ĉu li ne faris tiamaniere multe pli por amigi ĉie sian propran landon Norvegujon ol li estus atinginta se li nur konstante laŭdus ĝin ŝoviniste super ĉio ?

Laborinte kun li kaj por li dum la memorinda batalado por helpi al rusaj malsatuloj, mi neniam forgesos la fidon, kiun li tuj kaŭzis ĉe grandaj popolamasoj kaj ĉe apartaj individuoj. Malriĉaj laboristoj alportis sian lastan moneron, eĉ foje oran, konservitan trezoron. Oni sciis, ke ĝi estos uzata ne nur bonkore, sed efektive kaj teknike taŭge. Jen vera ĉefo. Kiam la poetoj de l'estonteco prikantos por niaj infanoj la grandajn heroojn de la paco, ili priskribos la vivon de Nansen kiel tiun de Zamenhof, kaj ilia rememoro vekos nur amon, neniam malamon al iu ajn.

---

# ĈE L'KORO DE EŬROPO

*De G. Agricola.*

La restarigo de la iama Eklezia ŝtato per la interkonsento de l'Laterano, kreinta la Vatikanan Urbon, rememorigis momente je la ekzisto de tiuj etaj organismoj posedantaj la kvaliton de suverena ŝtato. Estas rememoro al tempo pasintà kiam en mezepoko, Eŭropo dividiĝis en centoj da ŝtatoj, kiam la landlimoj malhelpis ĉiun evoluon trafikan kaj interŝanĝan. Hodiaŭ la nombro de la malgrandaj ŝtatoj ja malgrandiĝis. La milito kiu transformis Mezan Eŭropon, forigis fakte nur unu el tiuj ŝtatetoj : Neŭtral-Moresnet, nun belga, teritorio de 330 hektaroj, proksime de Aachen (Aix-la-Chapelle). Pri la epiteto « *Malgranda* » regas neklareco. Malgranda ŝtato estas ekzemple Svislando ; San Marino en Italujo sekve estas « *eta* » ŝtato kaj ne *malgranda*. Ekzistas nun tiaj ŝtatetoj en Eŭropo :

*Andoro:* Situas inter al franca departemento Ariège kaj Orientaj Pireneoj kaj la hispana provinco Lerida. Ĉefloko Andora la Vieja. Surfaco : 452 Mk². Loĝantaro : 6000. Lingvo : Kataluna. Sub la franca protekto ; eklezia regado plenumata de la episkopo de Urgel (Hispana).

*Danzig:* Libera Urbo, situas inter Polujo kaj Germanujo ĉe Balta Maro. Surfaco : 1950 km². Loĝantaro : ĉ. 400 000. Lingvo : Germana ; (ĉ. 7000 pollingvaj ŝtatanoj). Sub protekto de Ligo de Nacioj. Dogana unio kun Polujo.

*Monako:* Situas ĉe Mediteraneo, inter Nice kaj Mentone. Surfaco : 1,5 km². Ĉefloko : Monaco. Loĝantaro : 24000. Princlando : sub franca protekto.

*San Marino:* Situas en la Apeninoj, 13 km. de Rimini, meze de l'provincoj Forli kaj Pesaro-Urbino. Surfaco : 61 km² ; ĉefloko : San Marino. Loĝantaro : 13000. Itala protekto.

*Vatikano-Urbo* (Città di Vaticano). — Restarigita 1929 per kontrakto de Laterano inter Italujo kaj la Papa Seĝo. Surfaco : 0. 44 km². Loĝantoj : 518 (inter ili 389 italoj kaj113 svisoj.

Ĉi tiuj ŝtatetoj diferenciĝas notinde inter si, laŭ amplekso kaj laŭ la graveco. En unu detalo ili similas. Ili ne estas anoj de la Ligo de Nacioj. Krom la supraj 5, restas ankoraŭ unu. Estas la princlando *Liechtenstein*, la sola monarkio german-lingva.

Liechtenstein (esp. Liĥtenstejno), kion germanaj legantoj ne identigu kun Lichtenstein, kastelo en la Nigra-Arbaro, konata pro la romano samnoma de Wilhelm Hauff, situas ĉe la Rejno inter Svislando kaj Aŭstrio, kantono Sankt Gallen kaj lando Vorarlberg. Plej proksima stacidomo svisa estas Buchs, kaj la aŭstria Feldkirch. Ĝia surfaco estas 159 km² kaj la loĝantaro nombras 12000. La ĉefloko estas Vaduz. Dekunu komunumoj konsistigas la landeton kies lok-nomoj plejparte estas kelt-romanaj.

Dum romana epoko tiu-ĉi regiono estis parto de la Curia Raetorum, kies ĉefloko estis la nuntempa Chur (Curia, Coire) ĉefloko de l'svisa kantono Grizono. La feŭda reĝimo kreis la nobelposedaĵojn de l'graflando Vaduz kaj Schellenberg. Famajn nomojn ni renkontas en la vico de la landestroj : Grafoj de Montfort, baronoj de Brandis, la grafoj de Sulz, Hohenems, Werdenberg. Tiuj nobeluloj elĉerpiĝis en konstantaj luktoj kun apudaj liberecamaj svisoj. La ŝanĝo de posedaĵo de unu mano en alian estis daŭra. Ŝparemaj nobeluloj arigis posedaĵojn kaj tiel ni vidas, ke Grafo Jakob Hannibal III de Hohenems, vendis Schellenberg kaj poste Vaduz al Princo de Liechtenstein. Tiel princo Hans Adam akiris la senperecon de l'imperio, kio signifas ke la princlando nur dependis rekte de la tiama imperiestro kaj ne de alia teritoria estro. De 1719 Liechtenstein fariĝis sendependa princlando kaj restis tia ĝis la disfalo de la Imperio. Ĝi estis ano de la Rejnligo, fondita de l'unua Napoleono kaj poste aliĝis al la Germana Ligo ĝis 1868. La Germana Ligo, speco de laŭvola federiĝo de la germanaj ŝtatoj, inkluzive Prusujo kaj Aŭstrio disfalis. Aŭstrio eliĝis kaj evoluiĝis en la dubranĉa monarkio Aŭstrio & Hungarujo. Liechtenstein restis sendependa, sed aliĝis, per ŝtatkontraktoj al la poŝta kaj dogana reto de l'imperio Habsburga. La disfalo de la Aŭstria Monarkio kaj la rilataj sekvoj, kaŭzis la aliĝon al la svisa dogana & poŝta servo. La nuna monsistemo estas la svisa franko.

La nomo de Liechtenstein apartenas al unu el la antikvaj nobelaj familioj aŭstriaj. Memorigas tion la kasteloj samnomaj ĉe Mődling, proksime de Vieno kaj la devena kastelo apud Judenburg en la Murvalo, Stirio. Ofte ni renkontas la nomon inter estroj politikaj aŭ militaj de la Aŭstria Monarkio. Princo Johann II (1840-1929) kreis en Eisgrub (Moravio) mirindan sidejon, kun belegaj kolektoj. Grandioza parko kun giganta varmdomo, kiu enhavas nekompareblan kolekton de ekzotikaj kreskaĵoj, altiras milojn da vizitantoj al tiu « Sudmoravia paradizo ». Ne forgesinda estas la Artgalerio en la Rossau apud Vieno kaj la kastelo de Vaduz kun kolektoj, speciale tian de armiloj. Ofte nia respublikana epoko nur memoras la malbonajn efikojn de Monarkia regadsistemo. Por la loĝantoj de Liechtenstein la mecena malavareco de la princoj estis fonto de helpo senbrua. Ĉiam kiam temis forigi publikan ŝarĝon, la princo helpis. Plej bone tion ilustras ankaŭ la fakto ke Liechtenstein ne havas tiajn pezajn impostojn kiel la apudaj landoj.

La regado de la lando estas konstitucia - monarkia. Landa kunveno (Landtag) dekkvin membra, elektata de la popolo rekte por la daŭro de kvar jaroj, fiksas la leĝojn. La registaro konsistas el registara ĉefo kun du konsilantoj. La unua estas nomata de la reganta princo laŭ propono de la Landa Kunveno. La konsilantojn elektas la Landa Kunveno; ili estas aprobataj de la princo. Aparte administrata estas la Instruado, kiu estas senpaga kaj deviga.

Ekstere Liechtenstein ne estas tiom konata kiel aliaj malgrandaj ŝtatoj kun ia specialeco kiel la Vatikana Urbo pro la Universala eklezio katolika, aŭ Monako pro gia ludbanko en Monte Carlo, aŭ la romantika roko de Sankta Marino, sed ĝi posedas pejzaĝon admirindan kaj trankvilecon, kio ĝin igas ripozejo pli kaj pli ŝatata.

## GEOGRAFIO KAJ TURISMO

# LA PRINCLANDO  LIĤSTENSTEJNO

*de Rob. Kreuz, L. K. Genève*

Kiam oni vojaĝas de Svislando al Aŭstrio tra la Vorarlbergo, oni tuŝas la teron de tiu ĉi landeto. Ankaŭ mi faris tion jam plurfoje. Kiam oni demandas min pri la nombro de landoj, jam tuŝataj de mi, inter ili ankaŭ estas nomata Liĥtenstejno. De post kiam mi vizitis la landon, oran membron ĝi formas en la ĉeno de l'landoj, citataj de mi.



*Kastelo Vaduz.*

Lastminute telegramo min vokas al la sidejo de la registaro de l'Princlando. Post noktomezo mi okupas la vagonaron por Zürich, kiun mi atingas matene.

Post halto en Zürich daŭrigo al Sargans-Buchs. Belega veturado laŭlonge de l'pentrinda Wallen-lago kaj altaj, pikaj, pintaj alpoj. En la fono jam aperas la aŭstra montaro. Buchs — landlimo ! Malrapide la ekspreso Paris-Zürich-Wien traveturas kurbon kaj super la Rejnponto direktiĝas Liĥtenstejnon. Post 5 minutoj jam ĝi haltas en

*SCHAAN*

unu el la tri stacioj de l'Princlando. Estas la 14 h. La suno staras alte ĉe l'ĉielo. Varmegas ! El la sufiĉe longa ekspresvagonaro mi sola eliras. La tempo apenaŭ sufiĉas por fari tion. Laŭ mia pezo mi kalkulas por 2 personoj. Sed mi preskaŭ malaperas malantaŭ mia granda kofro, kape elvagonigita.

Paca, trankvila atmosfero. Nenia rapidegado, kurado, interpuŝiĝo. Mi kredas, ke neniu envagoniĝis. Dume mi ankoraŭ ĉirkaŭrigardas, la vagonaro jam salutas de malproksime per la finsignala disko ĉe la lasta vagono en la direkto al Feldkirch (Aŭstrio).

Kiel reprezentantoj de la aŭtoritatoj min frate bonvenigas la stacia deĵoranto (en uniformo de aŭstra fervoja oficisto) kaj la dogan-oficisto (en svisa uniformo). La fervojo estas en aŭstra, la dogano (samkiel la poŝto) en svisa regioj. Amike oni lokigas mian kofron en la deĵora ĉambro — senkoste.

Mi devas kapti la poŝt-aŭtobuson al Vaduz, la ĉefurbo. Sed ĝi jam estas forveturinta, « ĉar elvagoniĝis neniu ». Oni ne rimarkis min (kaj mi kalkulas por du ! ). Privataŭtomobilon mi povas havigi rapide kaj je relative malalta

kosto. Mi do havas sufiĉe da tempo por tagmanĝi iomete en la proksima restoracio, en kiu ankaŭ troviĝas la poŝtkontoro kaj la telefon-stacio.

Ĉe l'piedo de la raŭkaj rokoj de l'montara grupo «Tri fratinoj» etendiĝas Schaan. Ĝia videbla signo estas la longpinta turo de la preĝejo, la sola postrestaĵo de la iama kapelo de l'Sankta Laŭrenco, konstruita en la 12. jarcento. La preĝejo nuna estas novkonstruaĵo de antaŭ proksimume 40 jaroj. Schaan ne estas metropolo de granda ŝtato. Konforme al la grandeco de la lando, ĝi estas idilie lokita vilaĝo kun 1400 enloĝantoj: kamparanoj, rentuloj, kelkaj intelektuloj. La lando ne estas malriĉa. Supre sur la deklivo oni vidas kelkajn domojn. La komunumo Planken (informas min maljuna amike babilema kamparano, parolanta larĝan dialekton) kun nur 88 enloĝantoj. Ĝi estas la plej malgranda, sed memstara komunumo de la landeto.

Post ne longe mi jam sidas en la aŭtomobilo kaj forveturas tra la vilaĝo. Supren iras serpente la ŝoseo al la ĉefurbo Vaduz. Beletaj kampdomoj apud bone zorgitaj kampoj tie ĉie, staloj kaj veturilejoj tie. Jen fluas, kvazaŭ arĝenta rubando la Rejno. Kiu imagas, ke ĝi fariĝas poste riverego tiom impona kaj portanta grandajn fretŝipojn kaj vaporulojn al la maro! Ke ĝi estas la sama Rejno, tiom prikantata kiel germana riverego, la Rejno, malnova politika diskut-objekto?! Mia afabla veturigisto informas min rapide pri la fortoj de tiu juna, freŝa knabo Rejno, kiu senbridigite superŝaŭmas siajn bordojn kaj antaŭ 2 jaroj superakvigis grandan parton de la lando. Grandega katastrofo tio estis. Idealistoj, pioniroj el plej div. landoj siatempe faris heroan helpagadon per ordigo kaj rekulturigo de la tero[1]. Oni rimarkas, ke la rivera lito estas pli alta ol la nivelo de l'apudaj grundoj. La malnova digo siatempe rompiĝis. Modernaj kaj firmaj digmuroj nun reguligas la fluadon. Nova ponto pasas super la riveron kaj denove ebligas regulan komunikadon. Post apenaŭ 10 minutoj ni jam rekontas la unuajn domojn de Vaduz. Kamparanoj renkontas nin. Bovo-jungaĵoj preterpasas aŭ devigas nin halti sur la mallarĝa vojo. Ŝafaro, gvidata de maljuna paŝtisto timeme blekante evitas nian veturilon. Granda



*Bendern kun Rejn-ponto.*

bovino surprizite rigardas nin, dum sonorilo eksonas regule ĉe ĝia kolo. Hundo el la granda familio de l'miksrasuloj, bojante salutas. Fiera koko kun sia grandnombra familio promenadas kaj indignite flankeniras, kiam preterpasante ni ĝenas ĝian vivon. Nudpiedaj infanoj venas el la lernejo. Virinoj lavas, viroj laboras. Ni jam troviĝas en la «ĉefurbo».

*VADUZ.*

Jen la poŝtoficejo, jen restoracio, vendejo, oficejo, hotelo. Post 3 minutoj ni jam trapasis la ĉefstraton ĉe kies fino troviĝas la belega registara palaco. Unue mi ordigas mian aferojn, kiuj estas la ĉefcelo de mia vojaĝo. Post ne longe mi jam estas libera por rigardi la ĉirkaŭon.

Vaduz ne similas al eĉ unu el la ĉefurboj, kiujn mi dum miaj multaj vojaĝoj konatiĝis. Kelkaj el ili havas trankvilan, pacigan aspekton de malgranda rezidejo. La «ĉefurbo» Vaduz montras paradizan trankvilecon. Nur la aŭtomobiloj alportas jam iom da ĝeno. Vaduz, kiel dirite ne estas «ĉefurbo», sed nur ĉefloko, vilaĝo. Ĝi kuŝas ĉe la piedo de l'Gypsberg (495 m super la maro), parto de la alta impresa alparo. Sufiĉe largaj bone konservitaj stratoj, beletaj domoj, vilaoj kun florornamitaj balkono aŭ verando invite salutas la vizitanton. Magazenoj enhavas ĉion necesan. Restoracioj kaj hoteloj ne mankas. Larĝaj ĝardenoj kaj fruktejoj estas ĉie videblaj. Kelkaj industri-instaloj. Tie kaj tie mi vidas ĉarman, malnovegan lignokonstruaĵon. La «centro» de la ĉefurbo estas aparte pentrinda. «Café Real» mi legas sur granda ŝildo de bele pentrita domo kaj momente imagas esti denove en Hispanujo. La vidalvida poŝtoficejo kun la indiko «Postamt» tamen memorigas min, ke mi troviĝas en bona germanlingva regiono. Rapide mi provizas min per la necesaj poŝtmarkoj. Liĥtenstejno eldonas proprajn, cetere belajn poŝtmarkojn[2]. Mi preterpasas denove



*La «Bovo-kapo» kun vilaĝo Malbun.*

la registaran palacon. Ĝi estas bela, moderna konstruaĵo en renesanca stilo kun aparte rimarkinda fasado. En ĝi troviĝas ĉiuj aŭtoritatoj, kiuj pace kaj celkonscie okupas sin pri la sorto de la landeto. Oni tamen ne devas erari pri la amplekso de la agadkampo. Liĥtenstejno konsistas el 13 lokoj. Ili formas 11 sendependajn komunumojn, 10 paroĥojn, el kiuj la duono kuŝas en la valo, la alia duono en la alparo mem. Kiel en ĉiu bone organizita lando ankaŭ Liĥtenstejno havas partiojn. Feliĉe ekzistas nur du. Unikaĵo estas, ke ambaŭ estas monarkiaj kaj katolikaj. Certe nur enlandano povas ilin distingi. En la fono staras inter susurantaj arboj la bela preĝejo en gotika stilo, konstruita antaŭ 60 jaroj. Oni klarigas al mi, ke ĝi havas belegan sonorilaron kaj artan orgenon. Proksime estas ankaŭ unu el la lernejoj de la lando, kiu tre zorgas pri bona instruado.

Je alteco de 100 m sur la deklivo de l'montaro elstaras la Kastelo de Vaduz, posedaĵo de la reganta princo. Ĝi estas sendube rekonstruita en la 13. jarcento sur romaj postrestaĵoj. Hodiaŭ ĝi estas bonege restaŭrita, posedas denove loĝejojn por altaj vizitoj. La reganta princo, granda amiko de l'belarto konservas en ĝi unu el la plej riĉaj kolektoj de plej div. historiaĵoj, pentraĵoj ktp. Ĉarmaj ejoj, vidindaj ŝtuparoj, grandiozaj koridoroj, balkonoj, ĉambroj kaj salonoj montras vere vidindan muzeon. La tuto estas metode, amplene kolektita kaj reprezentas sendube grandegan artan kaj kulturan valoron por la landeto.

De la kastelo oni havas ravigan perspektivon sur la Rejnan ebenaĵon kaj la svisan alparon. Neforgesebla vidaĵo kaj nur imagebla de tiu, kiu konas la alpolandojn.

Oni diris al mi, ke mirinda angulo de la lando estas la alpa parto, kiel la vilaĝoj Triesen (kun la Mamerten-kapelo), Kulm, Silum, Malbun, Marescha, Mauren, Schellenberg kaj Triesenberg estas veraj juveloj de montarlokoj. Apud la Rejno estas Balzers kun la historia Kastelo Gutenberg. La alpmontaro (ĝis 2600 m da alteco) kreis vintrosporton. Dank'al al pli kaj pli disvolvigata propagando ankaŭ eksterlandanoj nun venas pli grandnombre por ĝui la belecon de la lando tiel proksima kaj tamen parte nekonata. Nun la larĝvida, simpatia registara ĉefo praktike aplikas Esperanton por la turisma propagando de la lando[3].

Rapide forpasas la tempo. Ne ĉion oni povas vidi aŭ eĉ priskribi. Eĉ en tia malgranda regno necesas resti sufiĉan tempon por studi ĉion.

Ĉe bona glaso da nova vino — ĝi estas fama diversloke — mi ankoraŭ finskribas miajn poŝtkartojn al ĉiuj amikoj kaj kolektemuloj (poŝtmarkon kompreneble bildflanke gluita) kaj lastmomente, spirante, kaptas la aŭtobuson. Ĝi rekondukas min al Schaan. De tie mi reveturas al Buchs kaj poste la vagonaro min forportas je mia proksima celo.

*Jen ĉe l'germana Rejn'*
*Aliĝas Liĥtenstejn'*
*Al alpo-fin'*
*Por nia hejmoland'*
*Germana patroland'*
*La Dia man' povant'*
*Destinis ĝin.*

*(Himno de Liĥtenstejno).*

[1] Komp. la broŝuron « La Libervola Help-Servo en la inunditaj regionoj de Liĥtenstejno kaj Svislando » en pluraj lingvoj kun esp. resumoj. sv. frk. 1.— Havebla de la Komitato « Freiw. Hülfsdienst », Hint. Gotterbarmweg 18. Basel. (Poŝta ĉeko V, 9672).

[2] Haveblaj pere de Sammlerpostamt Triesenberg (Liechtenstein).

[3] Petu gvidfolion en Esperanto de Verkehrsverein Liechtenstein, Vaduz (Liĥtenstejno).

# Kiel ni malhelpu la reŭmatismon

*de D-ro Dardel, Aix-les-Bains*

Pro la sekvoj kaŭzataj, la reŭmatismo interesegas ne nur la kuraciston, sed ankaŭ la socion.

La reŭmatismo estas tre ofta, absolute kaj relative, kaj tiu ofteco ŝajnas kreski. La statistiko de la civilaj kaj militistaj malsanulejoj estas nedubiga tiurilate : 4 % en Parizo, 8 ĝis 9 % en Londono. Laŭ la oficiala angla esploro en 1922 la reŭmatismo kaŭzis sesonon de la industria invalideco kaj kostis al la asekuraj societoj du milionojn da funtoj sterl. El 2.400.000 asekuritoj de la Greater London, pli ol 60.000 ĉiujare vidigis reŭmatismajn simptomojn.

Same grava estas la stato en Svedujo kaj Danujo. En Francujo la danĝero ŝajnas malpli granda ; tamen dum la milito la eksiĝoj pro reŭmatismo atingis 8 % de la sumo.

Do la profilakto al reŭmatismo prezentas socialan econ.

Antaŭe, reŭmatismo signifis ĉiun malsanon dolorigan kaj moviĝan, kies unua kaŭzo estis la malvarmo. Sprite oni estis difininta ĝin senta malsano, ian « maladie de flair ».

La progresoj de la bakteriologio, de la radiologio, de la studo pri sango kaj glandoj ebligis, se ne precize ekkoni la naturon de l'reŭmatismo, almenaŭ pli bone individuigi ĝiajn formojn.

Ne forigante la vorton reŭmatismo, kiu ne havas sencon akurate sciencan, oni povas diri, ke ĝi koncernas formojn tre malsamajn, sed malgraŭ tio parencajn.

Vere hereda, laŭ senco de tiu vorto, ĝi ne estas. Ne la malsanon oni heredas, sed la konvenan kultureron, antaŭinkliniĝon. Same kiel troviĝas familioj de nervmalsanuloj, iuj familioj estas doloriĝemaj.

La reŭmatismo ĉie troviĝas. Ĝi estas malofta en klimatoj ekstremaj, sed komuna en la mezvarma regiono. Ĝi ŝajnas furiozi precipe dum la ses unuaj monatoj de l'jaro, kvankam la malvarmego ne influas ĝin.

Malseka malvarmo povas esti okaza kaŭzo, same kiel troa laborado, akcidento, ĥirurgiaj malsanoj, inflamoj, anginoj, infektaj malsanoj.

La kuracado de l'reŭmatismo estu ĉiam serioze atentata. Ofte la koro estas trafata. Fine unua malsaniĝo timigas duan pro la kaŝa daŭro de la infekto kaj tio pligravigos la invalidecon.

Kiel oni celu la malhelpon de la reŭmatismo aŭ almenaŭ la malestigon de nova paroksismo ? Ni rapide ekzamenos, kion lernigis longa spertado.

Oni diris, ke la artrito akuta estas epidemia kaj komunikebla. La infektilo, la malsaniga mikrobo estas ankoraŭ nekonata, sed la malsano havas aspekton vere infektan. Ĉiaokaze ŝajnas, ke la epidemioj estas malgravaj kaj la infekto malmulta. La infekto ŝajne estiĝas de homo al homo, ne per la tero aŭ objektoj, malpli per verpruvitaj malsanoj ol per dubaj anginoj, ĝermoportantoj. Tiu malgranda infekteblo necesigas simplan profilakton. Relativa apartiĝo de la malsanulo en lia ĉambro. Seninfektiĝo de la nazolaringa parto kaj de la ekskrementoj de la reŭmatismulo. Sed *precipe* plidaŭrigu la resanigadon, kaj dum iom da tempo malproksimigu la kuracitan malsanulon de la sanularo. Tiucele oni estigis en Svedujo, Anglujo, Usono, higienejojn por reŭmatismuloj.

Ĉar ĉiuj infektoj povas kaŭzi reŭmatismon, oni observu la renon, la digestan organaron, la nutrajn infektojn (daŭran kolibacilozon), iom post ioman memvenenadon (urinacidon, oksalan acidon, holesterinon).

Ĉiu akuta malsaniĝo estas danĝera pro siaj sekvoj (gripo, skarlatino, tuberkulozo) sed *precipe* la blenoragio, kiu pligravigas la malsanon kaj estas energie kuracenda.

Ĉe la junuloj observu la malsanojn de la postbuŝaj glandoj, de la nazo, de la gorĝpostaĵo. Ĉiu angino estas suspektinda ; ĝi povas estigi reŭmatisman puŝon. Tuj kuracu la dentojn malvivajn aŭ infektitajn, la dentokarnon. Ne estante tiom senindulgaj kiom la Amerikanoj, kiuj forigas la dentojn, ni tamen malfidu la pusfluon.

Ni nun havas kelkajn vakcinserojn kontraŭ-reŭmatismajn, kiuj taŭge montris siajn meritojn. Estas rekomendinde provi ilin ĉe ĉiu malsanulo, eĉ post malgrava paroksismo.

Gravas kuraci la heredan *kulturkampon* : al la idoj de reŭmatismuloj oni nur malfrue donos viandon kaj havigos al ili subĉielan vivadon.

La jodo, fosforo, arseniko, lerte uzataj, estas plej utilaj. Ni memorigu pri la *fiŝhepata oleo*, kiu estas nutraĵo same kiel kuracilo. La ekstrakto de surlaringa glando estas ofte utilega, eĉ kiam la glando ne estas manka. Necesas pripensi la malkonstantecon de la surlaringa glando. Tiel oni povas haltigi la progreson de l'reŭmatismo kaj profilakti novan paroksismon.

Estas banale paroli pri loĝada higieno. Jam Moseo konsilis eviti la domojn salpetrumajn. La malsekeco, la ŝimaĵo de la ejoj malsekaj estas granda estiganto de la reŭmatismo. Do evitu vivadi kaj precipe enlitiĝi en domo malseka, novkonstruita, sensuna, senaera, en teretaĝo senkela.

La reŭmatismulo estu varme vestita, li protektu sin ĉiusezone. La lanaĵoj estas nepre necesaj. La uzado de *subvestoj* protektis pli ol unu malsanulon. Tio estas vera por ambaŭ seksoj. La nuntempaj virinaj modoj estas danĝeraj, ĉar la hardiĝo, pri kiu la sportemulinoj gloras, estas nur erariga iluzio. Ofte oni povas malhelpi paroksismon, envolvante je flanelo artikon dolorigan aŭ nur senteman.

La higieno de la haŭto estas plej grava. Varmaj banoj, sekaj aŭ alkoholaj ŝmirfrotadoj plifaciligas la funkciadon de la nutraj agoj kaj helpas eligi la nenormalajn substancojn de l'sango.

La regula ekzerco sen trolaciĝo estas necesaĵo por ĉiuj. Reŭmatismulo devas pli ol aliu movi siajn artikojn. La plej bona antaŭforigilo de la ankilozo estas la *movado spite la doloron*.

Reguligi la nutradon de artritulo estas demando de taktoplena lerteco, kiun la kuracisto solvos ŝanĝante ĝin (la nutradon) laŭ la okazoj. Estas grave bone nutri, reviglligi la malsanulon, ne troŝanĝante aŭ malpurigante la maŝinon.

La reŭmatismulo neniam malsobre festenos ; tio estas elementa ; li manĝados sufiĉe, ne pli. Malmulte da viando, neniom da ĉasaĵo, da konservaĵoj, nenia porkaĵo krom ŝinko. Malmulte da spicoj, ovoj kaj lakto modere. Legomoj kaj fruktoj abunde (vitaminoj kaj saloj mineralaj) Okzalo kaj ĉokolado estas malpermesataj (okzala acido) Vino je malgrandaj dozoj. Neniu biero alkoholriĉa, precipe ne angla biero. Neniu alkoholo, kiu malrapidigas la oksidiĝon, inflametigas la hepaton kaj plimultigas la urin-acidon.

La varmfontaj kuracadoj estas malnova kaj eble la plej bona kuracilo kontraŭ reŭmatismo. La kuracisto elektas ilin ekzameninte la malsanulon la laŭ artikoj kaj la ĝenerala stato. La agado de la mineralaj fontoj estas malsimpla. Ĝi dependas de la minerala enhavo, la varmo, la elektra kaj radio-aktiva agado de l'akvo. Ni fine atentigu, ke la banoj, duŝoj kaj diversaj kuracadoj estas bonege havigataj en la varmfontaj kuracejoj, kaj la malsanulo plie profitas la ripozon kaj la klimatŝanĝon. La konsisto absorbiĝas per la haŭto. La varmaj akvoj estas malmulte transporteblaj, ĉar malproksime de la fonto (radio-akticeco) ili perdas sian efikon.

Longtempa praktikado de la varmfontaj kuracadoj pruvis, ke ili efikas, *ne nur kurace sed profilaktee*. Do oni klopodas igi ilin atingeblaj al ĉiuj.

Oni bezonus paĝojn por ekzameni la kuracadon de l'reŭmatismo. La malsanulo ne kuracu sin senelekte. Estas la tasko de l'kuracisto lerte elekti la taŭgan kuracilon je konvena horo, kontraŭbatali la doloron, haltigi la progreson de irindaj difektoj, antaŭvidi la okazojn ĉe la disponituloj.

Sed kuraci ne sufiĉas. Ni espereble vidigis, ke per higieno konvena, per iuj kuracadoj ĝusta-tempaj, oni povas multamplekse kontraŭagi la reŭmatismon aŭ almenaŭ malpligravigi ĝiajn paroksismojn.

Esperantigis : EJUNA.

# Fosilo anstataŭ pafilo

Ni jam raportis ĉi-tie pri la helpservo organizita de konata esperantisto kaj pacifisto Pierre Cérésole favore al malgranda regno de Liechtenstein, kiu suferis pro katastrofo. Nun Suda Francujo ricevis similan malfeliĉon. En vasta regiono apud Montauban miloj da domoj kaj kampoj estas detruitaj de akvo.

Ni tuj pensis, ke la samaj homoj volos porti la helpon de siaj brakoj al tiuj francaj vilaĝoj kaj ni ne eraris. La 2-an de Majo nia samideano Cérésole veturis tien kun la fidelaj pioniroj kaj nun li sendas publikan alvokon kun aprobaj subskriboj de Sangnier, Duhamel, Buisson, Basch, kolonelo Picot, abato Violet, Marx, Gouttenoire de Toury, Wilfred Monod, Chatenet, Fonteny, abato Basch, Romain Rolland kaj asocioj : Reamikiĝo, Paco per Juro, Volo por Paco, Societo de Amikoj, Universitata Ligo por agado respublika kaj socialista, Trait d'Union, ktp.

La celo estas :

1) Alporti brakan helpon al bezonanta loĝantaro ;

2) Krei inter homoj kaj popoloj interhelpan kutimon, kiu morale malebligu atakon al popolo deper najbaroj fariĝintaj sinceraj amikoj al ĝi ;

3) Vivigi kaj fortigi la esperon, ke tiaj servoj fariĝos iom post iom la solaj, kiujn devos prizorgi la nacia defendo de la diversaj landoj.

« Ni alvokas al ĉiuj, kiuj volas apliki sian idealon pri servo kaj paco kaj deziras partopreni kun siaj alilandaj fratoj en afero de interpopola interhelpo. »

Brakojn por senpaga laboro kaj donacon por pagi vojaĝon kaj loĝadon de bonvoluloj oni bonvolu proponi al S-ro François Grand, Clochetons 21, Lausanne (Svislando). Monon al ĉekkonto : V. 9672, Basel, (Svislando).

Ni ne dubas, ke multaj esperantistoj respondos al tiu alvoko kaj renkontiĝos dum somero en tiu nobla entrepreno, kiu siaflanke bezonas urĝe Esperanton por funkciadi kaj progresi.

# TRA LA MONDO ESPERANTISTA

## Dua Internacia Pedagogia Kurso de Andreo Ĉe

La dua internacia pedagogia kurso de Esperanto sub la gvidado de pastro Andreo Ĉe, estos aranĝata de la urbestraro de Arnhem, la belega ĝardenurbo de Nederlando, apud la Rejno.

La kurso daŭros dum la 17-29a de Julio 1930, en 11 labortagoj, po 4 lernhoroj ĉiutage, sen uzo de nacia lingvo, sen lernolibroj kaj hejma laboro kaj kapabligos al facila konversacio en Esperanto pri ĉiutagaj aferoj.

La ĉefa celo de la kurso estos prepari Esperanto-instruantojn kaj diskonigi la sukcesplenan instrumetodon de Andreo Ĉe.

Ĉiu kursano ricevos de la urbestraro de Arnhem ateston pri la partopreno.

Dank' al malavara subteno de la urbestraro de Arnhem la kursanoj povos ĝui la jenajn favorojn :

1) 15 (dekkvin) eksterlandaj gekursanoj estos gastoj de la urbo Arnhem, tio signifas, ke ili ricevos la loĝon kaj manĝon senpage dum la tuta kurso,

2) 60 (sesdek) personoj povos ricevi favorajn lokojn tiel, ke ili devos pagi por unu tago 2 ½.— guldenojn (5.— svisajn frankojn) por kompleta pensiono.

Por junaj kursanoj ni tre rekomendas la bonan junulgastejon kie plena pensiono kostas 1.30 guldenojn.

La kursanoj, kiuj ĝuas favoron, loĝos en la belega Oolgaardt-domo, speciale fondita por konferencoj kaj kursoj. La domo kuŝas sur la alta bordo de la Rejno kaj donas grandiozan vidajon ĝis trans la germanaj landlimoj. Por la komforto de la gastoj la domo enhavas belajn legsalonojn, fluantan akvon, banĉambron kaj malluman ĉambreton por foto-laboroj. En la favoraj lokoj la dormejoj estas komunaj.

Por personoj, kiuj ne deziras favoran lokon, la kursestraro luas privatajn pensionojn je la prezo de 3 guldenoj tage aŭ pli.

La kurslecionoj okazos matene. Dum la posttagmezoj kaj vesperoj oni aranĝos ekskursojn tra la ĉirkaŭajoj de Arnhem, la plej bela regiono de Nederlando, kune kun la loka kaj regiona Esperantistaro. Krom tio okazos ekskursoj al la plej gravaj vidindaĵoj de Nederlando (Amsterdam, Hago, Utrecht, insulo Marken, sekigaj laboroj de la Suda Maro k.t.p.) Partopreno en la ekskursoj estos laŭvola.

La kurso komenciĝos la 17an de Julio matene je la 9a horo en la urba knabina reallernejo kaj finiĝos la 29 an de Julio vespere per ĝardena festo.

Kursanoj, kiuj partoprenos la Universalan Kongreson en Oxford, povos forveturi el Arnhem la 30an de Julio frumatene al Hago, dum la tago rigardi la vidindajojn de Hago, de tie posttagmeze forveturi al Rotterdam kaj vespere per ŝipo al Anglujo, kun la karavanoj.

En la kurso povas partropreni ĉiunaciaj profesiaj geinstruistoj, kiuj aŭ ankoraŭ ne scias Esperanton, aŭ jam scias ĝin, kaj krome personoj, kiuj okupas sin per instruado de Esperanto.

La kurskotizo estas 5 guldenoj, sendotaj kune kun la aliĝo al la kursdirekcio sub la adreso de S-ino Julia Isbrŭcker, Hago, Oostduinlaan 32 (poŝtĉeka konto : 10866, J. R. G. Isbrŭcker, Hago).

Aliĝante oni bonvolu komuniki la nomon, precizan titolon, adreson, deziron pri favora loko, ĉu jam Esperantisto aŭ ne, precizan tempon de alveno.

Limtempo por la aliĝo ; la 1a de Julio.

Estas konsilinde aliĝi kiel eble plej baldaŭ, ĉar la favoraj lokoj estos disdonataj al la frue aliĝintaj kursanoj.

Dum la 16a de Julio funkcios akceptejo en la stacidomo de Arnhem.

Ni insiste petas, ke la Esperantistaro volu urĝe kaj vaste diskonigi la suprajn informojn al la geinstruistaro de sia lando, speciale per artikoloj en la instruistaj fakaj gazetoj.

Hago, la 25an de Aprilo 1930.

La Organiza Komitato de la Dua Internacia Pedagogia Kurso de Esperanto :
Julia Isbrucker, Oostduinlaan 32, Hago.

## Novaj deklaroj de mondfama film-produktanto. Carl Laemmle kaj Esperanto.

Kiu ne konas la mondfaman kreanton kaj estron de la « Universal Film-Korporacio » ? Kiu ne legis pri la junulo kiu antaŭ multaj jaroj alvenis Nov-Jorkon kun nur kvindek dolaroj en la poŝo kaj estas nun konsiderata kiel unu de la « Dek plej famaj film-estroj » ?

Jes, tiu sama *Carl Laemmle* estas interesata en Esperanto ! Dum antaŭnelonga intervjuo, li kun fiero informis la subskribanton, ke li jam antaŭ kvar joroj opiniis, ke Esperanto bone taŭgus kaj eble estus plej utila por internacie sukcesigi la parolfilmojn. Kun granda intereso li aŭskultis je la plej lastaj novajoj el Esperantujo.

Sed mi komencu je la komenco ! Ĉe festeno de la « Hollywood Asocio de Eksterlandaj Korespondantoj » mi estis invitata paroli dum « dek minutoj » pri Esperanto. Ĉeestis aro da filmgeaktoroj kaj direktoroj.

Dum la posta programo kelkaj postulis ke mi parolu dum « aliaj dek minutoj » pri la sama temo. Mi ankaŭ montris la libregon plenegan de la eltranĉajoj pri antaŭa intervjuo. Entuziasme kelkaj famuloj en Filmlando postulis personan intervjuon. Inter ili S-ro Paul Kohner, estro de la produkta fako de la grandega « Universal Filmfarejo » « postulis la honoron de vizito », en lia privata oficejo.

Kompreneble estis mi, kiu estis honorata, kaj post trarigardo de la famega filmfarejo, kio en si men estas malofta honoro kaj ebla nur al malmultaj Los Angelesanoj, mi havis la plej maloftan bonŝancon esti enkondukata al Carl Laemmle, « La Napoleono de la Film-industrio ».

La tuta film-kolonio adoras Carl Laemmle, kaj nomas lin « Patro de la Film-steloj » aŭ simple « Onklo Karlo ». Estas li kiu unue pagis « altegajn salajrojn » kaj tiel kreis




la rangon de « film-steloj ». Kiam li antaŭ dudek jaroj pagis semajnan salajron de 1,000 Dolaroj al Florence Lawrence, Carl Laemmle kreis sensacion, sed depost tiu tempo la steloj ĉiam ricevis « reĝajn salajrojn ».

Carl Laemmle ne nur estas konata kiel idealisto sed ankaŭ kiel entuziasmulo kaj plej sukcesa komercisto. Per la filmo « Negoco de Animoj » kiu kostis nur 20,000 dolarojn li gajnis pli ol milionon da dolaroj, kaj estas li, kiu faris la unuan filmon, kostanta unu milionon da dolaroj,

Sur dezerta lando apud Los Angeles li konstruis novan film-urbon, — *Universal City* — kiu estas la plej granda en la mondo filmfarejo, kaj — laste, sed ne malgrave — eĉ la senkompara Sara Bernhardt laboris por lia kompanio.

El tio vidiĝas kiel fama Carl Laemmle estas, kaj la subskribanto havis la grandegan plezuron paroli kun li kaj nun havas la honoron prezenti tiun ĉi eminentulon al la Esperantistaro. Li afable respondis al ĉiuj demandoj de la subskribanto, kiuj sekvas kune kun la respondoj :

« S-ro Laemmle, ĉu vi kredas je la utileco de Esperanto por la parol filmo ? »

« Certe, jes ! Tion mi jam opiniis antaŭ kvar jaroj, kaj mi estas nun eĉ pli konvinkita pri tio ».

« Ĉu la nun farataj parolfilmoj en diversaj lingvoj ne estas tre multekostaj ? »

« Jes, tre multekostaj. Sed ĉar la angle parolantaj filmoj ne estas ŝatataj en Eŭropo, pro la lingva malfacileco, kelkaj parolfilmoj estas refarataj en la hispana, germana, kaj franca lingvoj. Sed pro la alta kosto oni dubas ĉu ili sukcesos finance. »

« S-ro Laemmle, ĉu vi scias, ke Esperanto povas esti lernata dum tre mallonga tempo ? »

« Ĉu mi scias ? Certe mi scias tion ! Mi jam iomete lernis Esperanton. Montru al mi gazeton, kaj vi vidos kiom mi komprenas. »

« Bone S-ro Laemmle, jen estas « Esperanto » la oficiala organo de UEA, kaj jen estas ankaŭ nia grandformata semajna gazeto, la « Heroldo de Esperanto ».

S-ro Laemmle prenis la gazetojn kaj tuj eklegis : *Renesanco — En la mondon venis nova vento — grandaj progresoj en Svedujo,* ktp.

Vere S-ro Laemmle bone komprenis, kaj bonege elparolis la vortojn. Estis por mia Esperantista koro malofta ĝojo vidi kiel tiu famega film-potenculo entuziasmiĝis pri la idealista flanko de nia movado kaj pri la simpleco de nia lingvo.

« O, mi estas certa», Carl Laemmle daŭrigis, « ke Esperanto estas la plej bona arta lingvo kaj — « jen li montris la idealistan flankon de sia koro per moliĝanta voĉo kaj brileto en siaj okuloj, « — mi ne dubas ke ĝi estos la plej efika ilo por ebligi mondpacon kaj Esperantaj parolfilmoj plue helpos al tiu nobla celo. »

« Ĉu vi scias ke jam ekzistas Esperantaj parolfilmoj ? » mi daŭrigis kun mia demandado.

« Jes mi legis kun granda intereso ke « Paramount » faris Esperantan parolfilmon kaj kun eĉ pli granda intereso mi studos la rezultojn, ĉar de la sukceso de tiu filmo dependos multe. » Carl Laemmle per tiuj vortoj aludis, ke certe aliaj filmfarejoj (krom la lia) sekvos kaj ankaŭ faros Esperantajn parolfilmojn.

Por montri al la tuta mondo sian simpatian intereson pri Esperanto, li venigis fotografistojn fari bildojn de li kun la subskribanto. Li promesis aron da kopioj por la gazetoj, kiuj raportos pri tiu ĉi intervjuo *.

La Esperantistaro (ĉu grupoj, federacioj, ĉu Delegitoj aŭ nur izoluloj) prenu sur sin la taskon traduki nacilingven kaj publikigi la gravajn vortojn de S-ro Laemmle. Kun bona volo kaj samideana intereso eĉ pli bonaj rezultoj povas esti atingitaj ol lastafoje. Sendube la vortoj de S-ro Laemmle vokogos pli da intereso por la parolfilmo de « Paramonut ».

Mi esperas, ke neniu samideano forgesos sendi al mi du ĝis tri eltranĉaĵojn aŭ tutajn gazetojn en kiuj troviĝas tradukoj aŭ kopioj de tiu ĉi artikolo aŭ de la bildo. (adreso : co. Seaboard National Bank, Los Angeles, California i adreso de S-ro Carl Laemmle, Sv., c/o Univeral City,; California.)

Joseph R. Scherer.

* Kopiojn de la fotografaĵo oni povas ricevi senpage, skribante al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 1 Tour-de-l'Ile, Genève.

## En kelkaj linioj...

*** La ICK serĉas la honor-ofican kunlaboron de diversaj samideanoj.

*Asekur-aktuaroj*

Kunagado de asekur-aktuaroj (asekur-kalkulistoj kaj matematikistoj) aŭ asekur-profesiuloj interesitaj en tiu-ĉi fakkampo estas dezirinda por grava propaganda entreprenado.

*Ŝparkas-oficistoj*

Ŝparkas-oficistoj, precipe tiaj en gvidanta posteno estas petataj tuj sciigi sian adreson utilan por propaganda preparo.

En ambaŭ kazoj oni sin turni al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 1, Tour de l'Ile, Genève.

*** La revuo « *Bulgarska Kniga* » (Bulgaro Libro) en Sofia enkondukis Esp. Fakon, redaktatan de Ivan H. Krestanov, L.K. En ĝi estas speciala kolono: *Revuo de la Esperanto-Gazetaro pri Bulgarujo.* Ĉiuj esp. redakcioj estas petataj sendi po unu ekz. de ĉiuj n-roj, kiuj enhavas ion ajn pri tiu lando.

Adreso: Iv. H. Krestanov, Ul. 6. Septemvri, 28, Sofia.

*** Mi informas, ke la kunveno de UDEV dum la Oxforda kongreso okazos Merkrede, la 5an de Aŭgusto 1930, posttagmeze. Programo: Parolado de l' prezidantino S-ino M. Tiard, laŭtlego de raporto kaj voĉdono de la ĉeestantaro pri la starigota regularo. Kiu deziras paroli anoncu tion antaŭe al mi.

S-ino Nora Kozma, sekretarino, Budapest VI. Andrássy ut 5.

## Esperantista paroiejo

## Plena vortaro de Esperanto.

*La Direkcio de SAT komunikas al ni jenan sciigon:*

« Kiam ni iniciatis la eldonon de ampleksa vortaro esperanto-esperanta, ni konsciis pri multaj malfaciloj en la plenumado de tia tasko. Tamen ni, kaj la eminentaj aŭtoroj, kiujn ni varbis (S-roj E. Grosjean-Maupin, Direktoro de la Sekcio : Komuna Vortaro·ĉe la Esp. Akademio, Esselin S. Grenkamp - Kornfeld, G. Waringhien, Lingvaj Komitatanoj, subtaksis tiujn malfacilojn. Tial la verko ne povis aperi je la dato fiksita. Ni scias, ke multaj personoj, kiuj antaŭpagis la volumon estas malkontentaj. Ni bone komprenas ilian malkontenton. Ni petas ilin ke ili pacienciĝu ankoraŭ mallongan tempon. La presisto havas en la manoj la tutan manuskripton ; 450 paĝoj estas jam presitaj.

Ni antaŭkalkulis 450 paĝojn por la tuta volumo; ĝi estos pli ol 500-paĝa !... La personoj, kiuj antaŭpagis laŭ relative tre malaltan prezon, ne havos finfine motivon por bedaŭri. Ilia iom longa atendado estos bone kompensata. Baldaŭ ni eldonos specimenajn foliojn kun la prezo por mendontoj. Tiuj specimenoj estas sendotaj senpage al la interesiĝantoj. Ili bonvolu sin turni al : *Direkcio de SAT*, 23, rue Bouer, *Paris XX.* »

## Por la gazetara propagando!

Konsiderante la gravecon de la internacia gazetaro por nia propagando kaj por helpi sisteman kaj metodan organizon de tiu ĉi laboro per kunagado de fakuloj, la I. C. K. ĵus aprobis la starigon de la

Internacia Gazetara Komisiono,
komisiita de la ICK.

La komisiono konsistas el la sekv. profesiaj ĵurnalistoj : S-ro Georges Avril, Nice, *prezidanto* ; S-ro Léon Agourtine, Paris ; S-ro William Janes, Bedford ; S-ro C. Schuhler Saarbrücken ; S-ro Jak. Ŝapiro, Bialystok, *komisionanoj.*

La komisiono laboras sur sama bazo kiel la jam funkcianta komisiono por radio-statistiko, sub la aŭspicioj kaj laŭ direktivoj de la I. C. K. kiel gvida centro de la esperanto-movado.

La kunhelpo de libervolaj helpantoj, ankaŭ de ne-profesiaj ĵurnalistoj kaj samideanoj, havantaj rilatojn kun la gazetaro estas tre dezirita.

Oni anoncu sin al : S-ro Georges Avril, redaktoro, Bd. Auguste Raynaud, Nice (Francujo).

## ◘ Bibliografia Servo de UEA ◘

La Bibliografia Servo de UEA indikas tie ĉi kronologie ĉiun verkon riceVitan ĉe al Centra Oficejo por recenzo. Estas recenzataj tiuj verkoj senditaj duope.

*Lu-Ŝin.* — *La vera historio de A h Q.* — Tradukita de Ŝ.M. Chun. Kun permeso de la aŭtoro tradukis el ĥina originalo Ŝ. M. Chun. Eldona Kooperativo, Shanghai P.O. Box 1167. 13 × 19,5 cm. Prezo: Broŝ. 0.40. Bindita 0.60 Dolaro usona. (1920-21)

*Nemseĉi. A. D.* — (*Ŝlosilo de Esperanto por persoj*). — 80 p., 7,5 × 11 cm. Verkis kaj eldonis: presis El Husejni, Tabriz, Pers. Prezo: 0.40 Fr. svis. (1930-22)

*Servud, M.* — *La vero pri la persekutoj kontraŭ religio en U.S.S.R.* — Eldonis Unio de Militantaj Ateistoj kaj Centra Komitato de Sovetrespublikara Esperantista Unio. 62 p., 11 × 14,5 cm. Presis Mospoligraf, Moskvo. Eldono 3000. Prezo: 25 kopekoj. (1930-23)

*Ŝinha, Laksmiswar.* — *Tri bengalaj fabeloj.* — 40 p., 13,5 × 19 cm. Eldona Societo Esperanto, Stockholm I. Fack 698. Prezo: 1 Kr. aŭ 1.40 Fr. sv. (1930-24)

*Danov, Petro.* — *Jen la homo.* — Biblioteko Nova Kulturo. 32 p., 12 × 19 cm. Burgas, Bulgar. Prezo: Fr. 0.30. (1930-25)

## ONI DANKAS

*** S-ro Paluzie, el Barcelona dankas S-rojn Eduard Doyé, el Berlin, kaj Jens Schjervé, el Oslo, pro de ili plenumitaj gravaj servoj.

*** Holger Hansen, Del. de UEA en Holbäk, Danlando plej kore dankas al ĉiuj delegitoj en la tuta mondo kiuj afablege peris alsendon de infandesegnaĵoj por ekspozicio. Ĉio havas grandegan propagandvaloron.

*** S-ro E. Schweingruber, MA 31430, el Orléans, kore dankas al la D en Beuthen, Katowice kaj Sosnowice por plenumita servo kaj akcepto dum vojaĝo.

# Esperanta  Programo



Komisiono de I.C.K.: Radio-statistiko.
Redaktas: J. Jungfer, Lindenstrasse 10, Lübben, N. L. Germ.
*La tempo estas tiu de Meza Europo.*

La vintra tempo de la meridiano de Greenwich (GMT) estas unu horo pli frua. [Novajoj.

*Mallongigoj:* K = Kurso. P = Parolado, parolas. Nov. =

DIMANĈO
08.30. — *Langenberg,* 473 m., Aachen, Köln, Münster. Par.: A. Dormans. — 30 min.

LUNDO
19.30. — *Lille,* P.T.T., Nord, 265 m., Par.: A. Trotin. — Esplorado de la Gramatiko kun komentarioj. — 30 min.
20.00. — *Tallinn,* 295 m. — N pri Estonio.

MARDO
17.40. — *Huizen,* 1.875 m. — P.: Heilker. — N. Ĉiun 2an Mardon.
19.00. — *Torino,* 291 m., Par.: Prof. D-ro Canuto. — Esp. literaturo kun italaj klarigoj.

MERKREDO
18.35. — *Stuttgart,* 360 m. Freiburg. — Par.: D-ro Vogt. — El Originala Verkaro. — Ĉiun 2an Merkredon.
18.45. — *Wien,* 516,3 m., Graz, Innsbruck, Klagenfurt, Linz. — Par.: W. Smital.
19.30. — *Danzig,* 453 m., Königsberg, 276 m. — Par.: B. Aeltermann. — K. — Ĉiun 2an Merkredon.

JAŬDO
17.30. — *Paris P. T. T.,* 447 m. Par.: C. Rousseau. — K. — Amuza kurso kun problemoj konkursoj k.t.p.
18.00. — *Paris P. T. T.,* 447 m. — Prof. Cart: Gramatika kurso.
20.30. — *Lyon-la-Doua,* 466 m., Par.: G. Pouchot. — K. — 15 min.

VENDREDO
18.05. — *Leipzig,* 259 m., Dresden. Par.: Prof. D-ro Dietterle. El literaturo kaj movado. — Ĉiun 2 an Vendredon.
20.00. — *Ljubljana,* 575,8 m. — Programo.
20.05. — *Genève,* 760 m. — P. Bouvier. — K.
20.25. — *Minsk,* 700 m., Par.: S. Snejko. — 30 min.
22.20. — *Bern,* 403 m. — Par. — K.M. Liniger.

SABATO
18.00. — *Breslau,* 325 m., Gleiwitz, 253 m., Par.: M. Polier: « Silezianoj kaj iliaj kutimoj ».
19.00. — *Königsberg,* 276 m., Danzig. — P.
20.15. — *Lyon-la-Doua,* 466 m. — E. Borel: N.
22.10. — *Harkiv,* 1.304 m. — V. Kolĉinski: N.
22.15. — *Bruxelles,* 508,5 m. — P.

NEREGULAJ DISSENDOJ
20.40. — *Odessa,* 450 m. — K. — Ĉiumonate 3, 8, 13, 18, 23, 28.
21.30. — *Alger,* 364,5 m. — N. — Ofte dum dimanĉo.
22.00. — *Moskva,* 1.481 m. — K.

*Nürnberg-München.* — La Esperanto-dissendoj de S-ro Starke devas ĉesi en somero. Plendojn bv. sendi al: Deutsche Stunde in Bayern, Rundfunkplatz 1, München, Germ.

*Radio-Statistiko.* — Mi ankoraŭfoje dankas al ĉiuj gesamideanoj, kiuj respondis al nia « Oficiala Informo n-ro 1 » kaj « Cirkulero n-ro 5 ». Eniris pli ol 80 raportoj pri kiuj mi detale skribis artikolon en la Radio-paĝo de « Heroldo » n-ro 18 (566).



## Internacia Polica Ligo

# Al nia membraro

Inter aliaj, du aferoj postulas ĝustan solvon:

1-e. *Membrokarto.* Ĉiu ligano nature deziras membrokarton kiel legitimilo de lia membreco. Multe da leteroj mi jam ricevis kun demandoj pri tiu afero.

La reorganizado de nia ligo certe bezonas novan regularon kiel ankaŭ novan membrokarton. La ĝisnuna karto ne plu kontentigas, ĉar mankas al ĝi la represo de la regularo almenaŭ resume. Rekomendinda estus, formi kaj alĝustigi ĝin laŭ maniero de la membrokarto de U.E.A. — Per la manuzebla formato oni bone povus porti ĝin ĉiam en la monpaperujo. Avantaĝo ankaŭ estas, ke la karto, kvankam ĝi nur valoras por la kuranta jaro, sen gravaj elspezoj estas revalorebla per algluota banderolo, sendita de la ligodirektoro tuj post repago de la nova jarkotizo. Antaŭ ol povi verki novan membrokarton estas necese la voĉdono de la membraro pri: konfirmo de provizora estraro kaj akcepto de nova regularo. Tial la membraro estas petata, ĝis tiam kontentiĝi kaj esti senzorga por ke tiu afero ne devas esti farota tro rapide.

2-e. *Ligo-insigno.* Estas necese, ke la insigno de nia ligo sen deturniĝoj montru sin kiel vera Esperanto-insigno. La blazono de T.P.L. ne taŭgas por tiu celo, tial ni elektos alian insignon. Rekomendinde do estas la insigno de U.E.A., se ni anstataŭigos la literojn I.P.L. Ni povus uzi tiun insignon same per pinglo kiel ankaŭ per stampilo.

Alia afero estas la insigno por policanoj portante uniformon. Ĝi estas rubando kun enbrodita vorto « Esperanto ».

Oni portas ĝin sur la maldekstra maniko de la uniformo.

La enkonduko de tiu Esperanto-insigno ne estas afero de Internacia Polica Ligo, sed tasko de la aŭtoritatoj.

Multe da oficialaj ordonoj kaj publikigoj pri tio enhavas la verketo « Das Esperanto ein Kulturfaktor » Band 8. Herausgeber Deutscher Esperanto-Bund, E.V. Berlin SW 61.

Jen kelkaj vortoj pri tio:

La ŝtata polica administracio de Saksujo [1] jam en 1926 ordonis jenan: « Konsiderante evoluon de la Esperanto-movado la ŝtata polica administracio kaŭzigas akcente atentigi kaj interesigi policajn registarojn pri tiu internacia mondhelplingvo. »

Se ankaŭ ĉe la pligrandaj policregistaroj kaj oficoj jam kelkaj policistoj scipovas Esperanton, estas urĝe dezirinde, ke Esperanto trovu pli multan disvastigon inter la policistaro. Tial la policaj aŭtoritatoj estas instigitaj, doni sian atenton pli ol ĝis nun al tiu afero kaj subteni Esperanton inter la policanaro.

*Ekzameno:* 1-e, buŝe, dum unu kvarono. La ekzamenanto devas pruvi, ke li komprenas kutiman parolmanieron kapablas, respondi klare kaj kompreneble demandojn Esperantlingve.

2-e, skribe, dum duona horo. La ekzamenanto devas pruvi, ke li skribas Esperanton sufiĉe korekte.

La sukceso en ekzameno rajtigas la policistojn, porti oficiale la insignon pri Esperanto kiel manik-rubando sur la uniformo.

La samideanoj ĉiulandaj estas petataj, fervore propagandi en la rondo de la policanaro por ke la Internacia Polica Ligo, pere la kunhelpo de UEA kaj de I.C.K., tre baldaŭ atingu la aŭtoritaton, kiun ĝi bezonas por plenumigi sian idealan taskon.

P. TEUCHNER,
*Admin. Direktoro de Internacia Polica Ligo.*
Leipzig, 0.28. Eisenbahnstrasse No. 111. b.

[1] Similaj ministraj aŭ magistraj ordonoj okazis en Prusujo, Turingo, Aŭstrio, Rumanujo, Polujo, Grekujo kaj Estlando.

## Esperantista vivo

**Naskiĝoj.**

Ge-sroj Hofmann, Del. en Saint-Imier, Svis., filino Marcelle Lucie Madeleine, 18.IV.30.

Ge-sroj Viktoro Ditrichstein, Lyon, filo Roberto, 5.IV.30.

**Edziĝo.**

S-ro Jan Jelinek, MA 16182 en Brno kun F-ino Hedvika Mrázová, 28.IV.1930.

**Honorigo.**

S-ro Luis R. Escartin, Del. en Madrid estis honorigata de l' prezidanto de la Ĉeĥoslovaka Respubliko per ordeno de l' Blanka Leono.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

D-ro Karl Foehr, ano de UEA 31672, Freiberg i. Sa. 21an de Aprilo 1930, 70 jara, eksdirektoro de la politeknika lernejo en Coethen. Unu el la « veteranoj » de Esperanto estinta Volapükano, poste lerninta nian karan lingvon, al kiu li restis fidela dum 24 jaroj. Per multaj Esperanto-kursoj en la rondo de la studentoj de la politeknika lernejo en Coethen li antaŭenpuŝis nian movadon. En Freiberg Sa., kie li pasigis sian maljunecon, li ĉiam kaj ĉie varbadis por Esperanto. La loka grupo perdas per lia tro frua morto sian plej fidelan amikon. Li estis « samideano » en la plej bona, vere Zamenhofa senco de l'vorto. Ripozu en paco!

S-ro Franz Benisch, 27 jara, filo de direktoro Franz Benisch, kursgvidanto en Mor. Ostrava-Privoz, Ĉeĥoslov., 25. IV. 1930.

S-ino Ida Sörensen, MA 18027 kaj D por Port Richmond, N. Y., Usono. 28. II. 1930.

F-ino Elizabeth B. Ireland, DM de UEA, D en Hove, dumviva fratulo de l'BEA, verkintino de « Esperanto in Twelve Lessons », sub plumnomo Stella, 18. III. 1930 en Londono.

S-ro Jindrich Kolek, MA 32631 en Ŝenov Ĉeĥoslovakio.

S-ro Leopold Cuzon, MA 16903, Paris pro akcidento, Majo 1930. Malnova samideano, ofta vizitanto de l'C. O.

S-ro Francesco Barberi, Commandante, malnova ano de UEA, prezidinto de l'grupo « Imperiosa Civitas » 1. III. 1930, Romo.

*Sinceran kunsenton!*



## Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Alma, Mich.* (Usono). — S-ro Pastro Charles D. Brokenshire, P. O. Box 56, pardonpetas pro tio, ke kaŭze de multe da profesiaj devoj kaj estonta marvojaĝo li ne povas respondi rapide al siaj estimataj gekorespondantoj, ke ne deziras pluajn leterojn aŭ poŝtkartojn. Li dankas al ĉiuj siaj geamikoj, kies mesaĝojn jam ricevitajn li klopodas respondi laŭ eblo.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro E. A. Zilver, Damrak 95, PM (Malakceptas bagatelaĵojn.

*Bakov nad Jizerou* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Vaclav Nechvilka, komerca komizo PI kĉl ĉiam respondas.

*Bern* (Svislando). — S-ro Liniger, ŝtata oficisto, Konsumstrasse 12, deziras interŝanĝi 160 belegajn PI pri Svislando. kontraŭ brodaĵo, PM aŭ maloftajn Esp. libr.

*Bern.* — La Esperanto-Societo Bern, Konsumstrasse 12, PI., L., k.ĉ.l.

*Brüx* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Beller, Teplitzerstr. 37. PM. kun seriozaj kolektantoj, PI.

*Boyd* (USA, Minn.). — S-ro George Hermanson, L., PI; pri politiko, vojaĝoj, terkulturo, komerco k.ĉ.l.

*Erembodegem* (Belgujo). — F-ino Gabrielle Thesin, Instruistino, PI, nepre bfl. kĉl. escepte kun Germanujo, Ĉekosl. Bulgarujo kaj Svedujo.

*Gabes* (Tunizio). — S-ro W. H. Scott, Poste Restante, anglo kiu konas preskaŭ tridek lingvojn, deziras edziĝi kun Esperantistino tre instruita, prefereble Germanino. L.

*Kolin* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro V. Hübner, poŝtoficisto, PM

*Kovalovice u Tiŝtina* (Ĉeĥoslov., Morava). — S-ro Josef Blum, staciestro, L., PI., PM., k.ĉ.l. Nepre resp.

*Kyminlinna* (Finnl.). — S-ro Eenok Hellsten. Korespondas pri religio kaj kutimoj de popoloj, prefere kun fraŭlinoj. Nepre respondas.

*Kyminlinna* (Finnl.). — S-ro Aarno Husu. Deziras korespondon k.ĉ.l. prefere kun laboristaj gejunuloj.

*Lisboa* (Portugal). — S-ro Thomas G. Lapa, 27 jara, deziras korespondi esperante, angle, france, hispane aŭ portugale kun ĉiulandaj fraŭlinoj pri ĉiuj temoj, esceptante la filatelion. Ĉiam respondos. Adreso: Costa do Castelo N-ro. 48-30. Dt°.

*Leningrad VIII.* (U.S.S.R.). — S-ro Vladimir Vladimiroviĉ Majnov, literaturisto, Usaĉev pereulok, domo 11, ĉambro 44 korespondas nur kun afrankintoj de lia respondo.

*Leoben* (Aŭstrio). — S-ro Benno Gindl, Vordernbergerstr. 23, L., fotoj, k.ĉ.l. precipe kun nordeŭropanoj.

*Malmö* (Sved.). — S-ro Axel W. Persson, Jerusalemsgatan 6, PI kun ekstereŭropaj landoj. Certe resp.

*Milano* 117 (Italio). — S-ro Jozefo Ventura, borsagento, via A- Saffi 20, PI., L., k.ĉ.l. Nepre respondos.

*Libĉany u Hradce Kralové* (Ĉeĥosl.). — S-ro Jaromir Ŝulc, meblista laboristo PI, L, PM, k.ĉ.l. ĉiam respondas.

*Montevideo* (Urugvajo). — S-ro Arturo Daneri, skulptisto, Domingo Aramburu, 1709-1714, deziras korespondi kun artistoj pri belartoj.

*Mortsel* (Belgujo). — S-ro Eugène Seghers, Deurnestraat 37, L., PI.

*Nagyharsany* (Hungar.). — S-ro D-ro Josef Sandor, kuracisto, PM., PI., L., k.ĉ.l. Nepre resp.

*Nydek No 235 pošto Bystrice nad Olzou* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Jan Bartulec, PI., k.ĉ.l.

*Potŝtejn* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Inĝ. L. Berger, kolektas adresojn por BES adresaro.

*Radebeul-Oberlössnitz* (German., Sa.). — S-ro Willy Heinze, elektro-inĝeniero, Bennostrasse 29- L., PI., (fot-aĵoj) k.ĉ.l. speciale kun anoj de malgrandaj nacioj kaj kun ekstereŭropanoj. Nepre respondos al ĉiuj.

*Rotterdam* (Nederlando). — Fraŭlino Joh. Annokkee, Rősener-Manzstr. 156 B, interŝanĝas PM laŭ Yvert kaj Tellier 1929-30 kaj P.I., k.ĉ.l.

*Sabadell* (Hispan.). — Centro Cultural Recreation, V. Balague 2, Kelkaj lernantoj, L. PI., k.ĉ.l. pri ĉiaj temoj.

*Sabadell* (Hispan.). — S-ro Leopoldo, str. Los Dolores 24, L., PK., k.ĉ.l.

*Santander* (Hispanujo). — S-ro Ramon Pérez, Garmendia 3, PM., k.ĉ.l.

*Santander*. — S-ro A. Pintado, Ateneo Popular, PI., por esp. ekspozicio bfl. k.ĉ.l.

*Sippola* (Finnl.). — S-ro Oskar Uutela, instruisto. L., PI.,

*Stara Zagora* (Bulgar.). — S-ro Petko Bojilov, Okrjno inĵenerstvo, PI., L., k.ĉ.l. Preferas amikecon ; portretointerŝanĝo.

*Szombathely* (Hungario). — S-ro Johano Jarisch Uzletvezetőség, fervojoficisto, orkestrestro, PI., specialajojn naciajn, precipe el Italujo, Hispanio, Finnlando, Turkio, Afriko, Aŭstralio, Ĥinujo, Indio.

*Szombathely* (Hungario). — D-ro Halmágyi Géza, Király u. 35, interŝanĝus precizan karton geografian landan aŭ interesan regionan de ia lando.

*Takahaŝi-ŝi* (Japanio). S-ro Eini Naru, PI., L., k.ĉ.l. gaz.

*Tempeh O. L.* (Javo, Via Loemadjang). — S-ro Ong Thian Tong, L., PI., Esp. aŭ angle nur kun ĉinaj gesinjoroj aŭ gefraŭloj en Ĉinujo. Certe respondos.

*Vicenza* (Italujo). — Esperanto Grupo presso O. N. D., havas gegrupanojn kiuj deziras koresp. k.ĉ.l. Certe resp.

*Zaragoza* (Hispan.). — S-ro Luis Asensio Veronica 23-3-0, PK., PM., k.ĉ.l.

# ITALAJ URBOJ

Oni eldonis en Romo, laŭ iniciato de la esperantista Grupo, serion da 25 ilustritaj poŝtkartoj diversbildaj, kies artaj kaj historiaj klarigoj estas redaktitaj en Esperanto.

Serio kostas nur Frk. sv. 1,50 afrankite (se rekomendite, Frk. sv. 2.—).[1]

Grupoj, rondoj, societoj, asocioj, izoluloj ktp., kiuj mendos *dek* seriojn, ricevas *unu pluan serion senpage* !

Mendu kaj alsendu la necesan monon al : D-ro Elio Migliorini, ĉe Gruppo Esperantista Romano, Via Condotti, 86, Roma (108). Laŭ peto, afranko per vatikanaj poŝtmarkoj.

[1]) La prezo de Frk. sv. 2— rilatas nur la *unuopajn* sendaĵojn : pluraj serioj en unu paketo (presaĵoj) al unu adreso kostas po 1,50 Frk. sv. ; 0.50 Frk. sv. sufiĉas por « rekomendi » la tutan sendaĵon, ĝis proksimume 15 serioj.

Preferu « rekomenditan » sendaĵon !

Internaciaj postmandatoj ĉiam malfruiĝas : do, ne estu malpaciencaj ! Prefere uzu respondkuponojn (poŝtajn aŭ de UEA) en rekomendita letero.

## Petoj kaj Proponoj

### INTERNACIA KOMERCO

*Best-rajtoj*. — Legu libreton « Déclaration des Droits de l'Animal », Bibliothèque André Géraud, Port S-te Marie, Lot-et-Garonne, Franc. Afrankite : 7 Fr. fr. aŭ 2 Fr. sv.

*Bibliotekajoj*. — Grave por Esp. grupoj kaj bibliotekoj havante duoblaĵojn, same maloftajn verkojn de famaj aŭtoroj, jarkolektojn. Mi povus oferi ilin interŝanĝe je aliaj objektoj, krom poŝtmarkoj. Eventuale vendo. Interesemuloj skribu al Ad. Oberrotman, Str. Krak. Przedm. 10, Warszawa, Pollando.

*Ĉiu esperantisto* aliĝu senprokraste al 9a eldono de BES adresaro. Postulu senpagan prospekton de l'eldonanto. Bohema Esperanto-Servo, Potŝtejn, Ĉeĥoslov.

*Filatelistoj*. — Kiu sendos al mi 50, 100 aŭ pli da poŝtmarkoj, eble diversaj, el sia lando, ricevos la saman kvanton el Nederlando. F-ino G. H. Benink, instruistino, Molenkamppark 8, Almelo, Nederlando

*Filatelistoj*. — Vendas PM (Servajn, aerajn, bonfarajn), PK, maŝinŝtampaĵojn papermonon. K. Riess, Lauingen, Clemensstrasse 6 (German.).

*Gajnu monon per raportado*. — Mi serĉas por gazetoj : Koncizajn, streĉajn, interesajn raportojn pri okazintaĵoj, artikoletojn skizojn, anekdotojn, k.t.p. ĉiuspecajn, tradukitajn el negermanaj gazetoj en Esperanton. Mi pagos honorarion por taŭga kunlaboro. F. W. Mischke, redaktoro, Radeberg Sa.

*Lernolibro serĉata*. — Kiu povas vendi aŭ pruntedoni la verkon de D-ro I. Kovacs : Praktika Metodo, estas petata komuniki tion al Desidero Volossynovich, Delegito de UEA, Bokŝa-Stropkov-Košicka z. Ĉeĥoslovakio.

*Libertempoj*. — S-ro Alberic Humez, Delegito de U.E.A. en Douai (Francujo) akceptus gastigi senpage, dum 10-15 tagoj, junan fremdan esperantiston aŭ esperantistino, 14-16 jaran, bone edukitan kaj sanan. Vivo familia, komforta kaj agrabla. Skribu detale al S-ro Alberic Humez, 13 Rue Morel, Doual (Nord) Francujo.

*Mapo*. — Oni vendas por dek italaj liroj mapon (Landkarto) Esperantujo kiu enhavas ĉiujn Esp. kongreslokojn. Skribu al UEA Delegito Johano Vanĝelista via Burĉi 5a, Vicenza, Italujo.

*Peto*. — Samideano el Sovet-Ruslando, kiu pro politika motivo ne deziras konigi sian nomon aspiregas aliĝi al UEA, sed ne povas sendi kotizon. Li petas helpeman samideanon, pagi por li la aliĝon, kion la koncerna samideano kompensus per sendo de presaĵoj en la lingvoj de Ruslando. Antaŭan dankon. (34206).

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE